

# LA VERDA LUPEO



5(84) INFORMILO DE ELF-AREK 23a jaro *1991*

Offizielles Organ der ArGe ESPERANTO im BdPh e.V.




## Antaŭ 65jaroj: MAKSIMUM ~ KARTO

# NIA ADRESARO



Novaj membroj --- Bonvenon!

Collignon Alano, 10 rue de Lisbonne, F-49150 Vandoeuvre

Andrzej Gielert, ul. Murzynowskiego 22/27, PL-10-684 Olsztyn

Iren Rev., Tutaj-u. 1/A, H-1133 Budapest

Gao Zhen-xing, 50-9 Jiaxing (str.?), Qingdao Shandong, P.R. Ĉinio--66031.

Korektu:

S-ino Jeaninne Vincent, 26 Bis, rue Milngavie, F-49150 Baugè

Alojzy Wenclewski, ul. Bogusławskiego 10 m. 5, PL 60-214 Poznań

Vilmos Radnai, vd. la anoncon



# ANONCOJ

Stampo PL 1 a haveblas

St. Fisher, ul. Bułgarska 8/8, PL 64-100 Poznań komisie peras ĝian vendon. prezo laŭ interkonsento, ne sub DEM 100,--.

Balonflugo Hallein serĉata

Deziras aĉeti aŭ interŝanĝe akiri uzitan kaj neuzitan E-tutaĵon "Balonflugo Hallein 1971" kun la enpresita E-pm: St. Biesiada, Skr.p. 599, PL 42-217 Częstochowa 17.

E-filatela pk - serio

Ĉina Esperanto-Eldonejo komisiis nian Ĉin Kajĝi kompili serion da bildkartoj pri Esperanto-filatelaĵoj. Fine de la jaro 1990 tiu serio verŝajne estos prespreta kaj mendebla ĉe la menciita eldonejo.

Koresponda Servo

La Koresponda Servo de IFEF ankaŭ estas je dispono de ELF-AREK. Estras ĝin nia: Germano Gimelli, Via Donato Creti 61, I-40128 Bologna. Se vi deziras korespondanton, sendu al li indikojn pri vi kaj viaj deziroj.

Sigelmarkoj de Chemnitz serĉataj

Mi volonte akirus la sigelmarkon: Unua Chemnitza Esperantista-Societo" aŭ originale aŭ kopion de ĝi. Tiu sigelmarko aperis en la jaro 1907 kaj portas ankaŭ la teksto: "D-ro Zamenhof ———

———Honora prezidanto de nia grupo", en la Jensen-Katalogo ĝi posedas la numeron 8. Krome mi serĉas la n-ron 126: "5a germana laborista E-Kongreso en Chemnitz, Pasko 1924". -redaktoro-

# NI PRI NI



## La redaktoro parolas...:

Koran kaj sinceran dankon mi direktas al ĉiuj tiuj, kiuj per informoj kaj konsiloj helpis plibonigi kaj "plenigi" niajn informilojn. Bv. ankaŭ estonte sendi viajn informojn kaj materialojn por nia informilo al mi, se eble kun detala priskribo.

## Nova Jaro -- nova kotizo

1990 pasis kaj kun ĝi nia kapitalo. Necesas denove plenigi nian kason. Al tio vi povas kontribui per alsendo de via kotizo por 1991 al nia Ivar Paulsson. Nia kluba amiko Vana ne plu povas akcepti kotizojn. Al tiuj, kiuj havas problemojn, mi rekomendas kontakti nian stampobankon. Eble vi havas ion por oferti. Sed ne sendu nepetitan materialon! Ankaŭ ne sendu poŝtmarkojn. Ili jam kuŝas amase senutile en kesteto.

## ELF-AREK en Bergen-a UK 1991

Nia klubo jam pagis la kotizon por 1991 al UEA. Samtempe nia Paulsson mendis ejon en la UK-ejo por la ELF-AREK-kunveno. La koncernan tagon kaj horon vi ekscios el la kongresa libro. Niaj klubaj kongresanoj bv. sciigi la partoprenon al Paulsson.

## Esperanto ĉe LGF (germanlingve: Bund deutscher Philatelisten

Al la "Ligo de Germanaj Filatelistoj r.a." aliĝis en aŭgusto 1990 la "laborgrupo Esperanto" kun ĝis deko da germanaj membroj. Ne ĉiuj el ili estas en nia ELF-AREK. La granda avantaĝo por nia klubo: LGF pagas al ni por 18 LVL, kiujn ni liveras al LGF! Kaj jen la dua avantaĝo por nia Movado: LGF distribuas nian LVL al ĉiuj siaj landaj sekcioj, al filatelaj muzeoj kaj bibliotekoj en Germanujo, Svislando, Aŭstrio kaj eĉ Usono. Krome ankaŭ al redakcioj de pluraj filatelaj gazetoj.
Gratulon al Richard Hirsch, kiu sukcesis aranĝi ĉion.

## En la 75a UK

20 07 1990 okazis la kunveno de ELF-AREK en la kadro de la 75a UK. Partoprenis pli ol 20 personoj; inter ili niaj klubaj geamikoj: Eida Dörfler, Willy Dillis, Herve Gonin, Dick Goslinga kaj Kaparti Kiu gvidis la kunvenon, ne fariĝis konata al mi. Atingis min nur la listo de la partoprenantoj.

## En la SAT-Kongreso en Linz (A)

Ankaŭ tie okazis ELF-AREK-Kunveno kun 9 personoj: inter ili niaj Paulsson, Fekete, Vulfovič kaj Straif. Okazis vigla interŝanĝo kaj Paulsson raportis pri nia agado. Dankon pro la salutkarto!

# KLUBANOJ SURVOJE



## Goslinga en Ĉinio

Nur post redaktofino de LVL 82 venis la raporto de nia Goslinga pri sia ĉina vojaĝo. Li esprimas koran dankon al niaj klubaj amikoj: Zhu Mingyi, Jia Jung-Cheng, Wang, Shen Minglun, Xiong Yingqiao, Ding Shihui kaj Ĉin Kajĝi. Danke al ilia helpo kaj gastamo. li kaj lia edzino povis fari neforgeseblan vojaĝon tra Ĉinio. Nia Goslinga esprimas sian koran dankon al ĉiuj amikoj!

## Song Shengtan ĉe Ĉin Kajĝi

Dum du tagoj Shengtan restadis ĉe Ĉin Kajĝi por helpi en la kompilado de E-filatela poŝtkartserio.(vd. sub anoncoj).

# EKSPOZICOJ KAJ NI



## Ekspo en Ĉinio

Xiong Ying-Quiao prezentis en urba filatela ekspo, 16- 22 05 1990, sian eksponaĵon "Esperanto-sennacia lingvo" en la urbo Wuhan. Li ricevis multajn laŭdojn. Ni gratulas!

## Nacia ekspo en Hanau (F.R. Germanujo)

Nia kolektamiko R. Hirsch montris sian eksponaĵon "E-en la Filatelio" dum la pm-ekspo (rango 2) okaze de la 100 jariĝo de la pm-klubo de Hanau, apud Frankfurt/Main. Li ricevis vermajlan medalon. Ni gratulas!.

# STAMPOJ



## Ĉu Ŝumen aŭ Ĉumen? Pri sta BG 27

Ŝumen, tio estas bulgara urbonomo. Pro ies fuŝlaboro la bulgara poŝto uzis "Ĉumen". Tio estis por la ŝumenaj civitanoj granda ofendo kaj ili tre koleris. "Ĉumen" en la bulgara lingvo signifas "pesta urbo". Iuj provis korekti tiun eraron kaj la







rezulton ĉiuj el vi mem povas konstati. Je la plej multaj stampoj mankas peco el la litero "C" en la maldekstra flanko, tiel oni iomete kosmetikis tiun eraron. Tamen pro la manipulado aŭ korektado nun ekzistas variaĵo de tiu stampo

S-ro Todorov sendis al mi nekorektitan sta de Ŝumen, tiu estis nigra. Mi supozas, ke ekzistas nur malmultaj nigraj. Todorov skribis: "...La kongresa filatela servo ne estis bone organizita: Funkciis ofte nur la viola sta. Tuj post la kongreso oni prenis la stampilon al la "Centra Poŝta Muzeo" en Sofio". Todorov estis prezidanto de la LKK kaj dum la kongreso "ĝis la kolo" dronis en kongresa laboro. Pro tio li ne havis tempon okupiĝi pri la filatelado, kvankam li estas aktiva E-filatelisto, iam eĉ membro de nia ELF-AREK. Ni kore dankas al s-ano Todorov pro la interesaj informoj.

BG 28 el Vraca




Dankon al s-ano Petko Arnaudov el Pazarĝik, kiu sendis tutaĵon kun tiu nova bulgara stampo. La stampo tekstas: DEKA INTERNACIA BOTEVA DEKLAMKONKURSO - 3000 VRACA - 25-27.05.1990. La stampobildo montras pistolon kaj plumon.
Laŭ miaj magraj scioj el la bulgara historio Ĥristo Botev estis granda bulgara poeto kaj bulgara heroo. En la urbo Vraca troviĝas grandega monumento pri li.

AP 8 de GB

Lasta informo pri la angla AMIKARO-stampo (vd. LVL 2(81) paĝo 13. Mi citas el letero de s-ano David Withey, senditan 12 05 1990 al mi: "..stampilon "AMIKARO" oni uzis nur en la komenca tago de la tendaro. Temas ne pri stampilo de poŝtoficejo.." s-ano Withey partoprenis tiun skoltan tendaron. Do, tiu sta ne aperos en nia katalogo sub "AP".

## Pioniro de Esperanto: F.V. Lorenc

La poŝtoficejo STRAZNICE (CS) 20.08-19.09.1990 uzis AF-stampilon de la tipo "Postalia" kun la teksto: "100-jariĝo de la unua ĉeĥa lernolibro de Esperanto - F.V. Lorenc" en la ĉeĥa lingvo..








František Vladimir Lorenc lernis E-on en la jaro 1887 (laŭ Courtinat en sia "Historio de Esperanto", paĝo 1204 kaj eldonis lernolibron 1890 en Pardubice. 1890 li fuĝis al Brazilo (depost 1896 li loĝis tie en São Feliciana). Tie li daŭre estis aktiva en la Movado. Perfekte li ankaŭ regis IDO-n, eĉ aprobis la idistajn reformojn, sed poste deklaris sin denove fidela al Esperanto.

Krome estas notinde, ke li estas la aŭtoro de la planlingvoj "Kosmolingua" kaj "Mundial" (ne interŝanĝu kun "Mondial"). En 1930 li aliĝis al "Nov-Esperanto (de Saussure)", rezigninte pri sia projekto "Mundial".

## Ĉinaj stampoj

Enkonduke: 18.10.90 pretis mia manuskripto. Samtage venis letero de Ĉin Kajĝi kun sciigo pri 14 novaj stampoj, mi sciis pri nur 4. Nun mi denove resumas la informojn. 22.10 atingis min de li korektita listo kun 17 sta. Dankon al ĉiuj karaj klubanoj, kiuj sendis informojn:

Ĉin Kajĝi, Zhang Linrui, Li Liang, Shen Minglun, Gao Zhenxin, Cao Xionglin, Ding Shihui kaj Son Shengtan.

## Nuligu jenajn sta:

TJ 90-11 kaj 90-12 (LVL, paĝo 8)

TJ 76 A; 105 A; 90-02 A; 90-21; 90-22 (LVL 82 paĝoj 7+8)

Tiuj sta estis uzataj de filatelaj kluboj, ne de iuj poŝtaj fakoj. Tion konfirmis Zhongshan-a Filatela Asocio kaj Jiangmena Poŝta Telekomunika Oficejo.

## Aldonu:




TJ 89-52, Qingdao, la 130-a datreveno de la naskiĝo de d-ro Zamenhof. La urba Poŝtmarka Kompanio letere konfirmis la poŝtecon. Desegnis: Linrui.




TJ 89-53, Zhengzhou, 130-a datreveno de la naskiĝo de d-ro Zamenhof. Poŝtecon konfirmis letere la Zhengzhou-a Poŝtmarka Kompanio. (letero kun dato 1990.08.05)




## E-Tago en Hainan (90-25)

1990.08.08, urbo Hainang en la provinco Hainan (suda Cinio). Antaŭ nelonge fondiĝis "Hainan-a E-Asocio". Tiea PM-Kompanio konsentis, emisii ĉiujare okaze de la "E-Tago", la 8an de aŭgusto, Esperantan filatelaĵon. Teksto de la sta: " LA UNUA E-TAGO EN HAINAN. Desegnis: Zhang Linrui. Iniciatis: Xian Junfu kaj Hou Zhiping (vicestro de EPĈ)



## Esperantisto Zhang Honfan (90-26)

1990.08.31, urbo Jiangmen. Teksto de la sta: "LA 80-A DATREVENO DE LA NASKIGO DE ZHANG HONFAN": Li estis tre fama ĉina Esperantisto (1910-1989); eklernis Esperanton 1932 en malliberejo por malamikoj. Pri li aperis en EPĈ kaj en "der esperantist" memoraj linioj.
Jiangmena Poŝta Telekomunika Oficejo aperigis la stampon kaj ankaŭ sennominalan pk (vd. sub PK+Kovertoj). Desegnis: Xie Xing (Xie Shaoxing).




## Heroo Qu Shisi (90-27)

1990.09.06, Changshu. La teksto de la sta: "LA 400 JAROJ DE NACIA HEROO QU SHISI". Li estis fama nacia heroo de Ming-dinastio kaj heroe batalis kontraŭ tiamaj agresantoj. Li estis Changshu-ano kaj pro tio la Changshu-a PTO faris E-an sta kaj koverton. Desegnis; Zhang Linrui.




## Kontraŭ analfabetismo (90-28)

1990.09.08, Nanchang. Lige kun la apero de 20-fena pm, okaze de la Internacia Alfabetiga Jaro la PM-Kompanio de Nanchang aperigis tiun sta. La desegnaĵo estas maldelikata kaj la Esperanta teksto ne korekta.
Desegnis: Mao Hongzhen, Xiu Jianlin.




## Alfabetiga Tago (90-29)

1990.09.08, Weihui. Teksto de la sta: "LA INTERNACIA ALFABETIGA TAGO". Ne venis sciigoj pri la eldoninto--ĉu denove "nigra ŝafo??"
Desegnis: Zhang Yuanqing (li i.a. desegnis ankaŭ TJ 32, 97 kaj 103).

## XI-a Azia Sportkunveno

22-an de septembro 1990 la PTT-Ministerio de Ĉinio emisiis la trian kompleton da memorigaj pm okaze de la XI-a Azia Sportkunveno. (vd. EPĈ 9/90). Pluraj PTO kaj PM-Kompanioj faris E-filatelaĵojn. Klarigoj pri la desegnaĵo: La kursiva "A" havas tri signifojn:

1) la ciferoj: XI (=11-a)
2) mallongigo de "Azia"
3) "Granda Muro"

La suno kun radioj: simbolo de la "Azia Sportkunveno". Pando: Talismano de la Sportkunveno. Devizo (Slogano) de la aranĝo: Unuiĝo, Amikeco, Progreso.






1-a serio, eldonita 20.07.88. La ideogramoj dekstre: "Pekina PM-Fabriko.




TJ 90-30 kaj 90-31 Changshu



| TJ 90-32 Haikou | TJ 90-33 Jiangmen | TJ 90-34 Ma´ashan | TJ 90-35 Nangchan | TJ 90-36 Nanjing |
|---|---|---|---|---|
| TJ 90-37 Qingdao | TJ 90-38 Shenyang | TJ 90-39 Shuzhou | TJ 90-40 Zhengzhou | |

Sta TJ 90-30 kun eraro: "SPORTKONVENO". St 31, 32 kaj 34 lokigeblaj sub unu numero pro sama desegnaĵo, same 36 kaj 39. La aliaj kun la kursiva "A" diferenciĝas per pluraj kriterioj inter si. Aparte mi dankas al nia Ĉin Kajĝi pro la alsendo de folio kun kopioj pri ĉiuj notitaj stampoj kun klarigoj pri la urbonomoj. Mi forte supozas ekziston de pluaj stampoj pri la sama evento..

## 61a NK en Padova (I)




En Padova okazis la 61a itala E-Kongreso. Partoprenis niaj Mario Amadei kaj Germano Gimelli. Koran dankon pro la sendita salutkarto kun la nova itala E-stampo kun la teksto:
61°CONGRESSO ITALIANO DI ESPERANTO kaj la dato: 25.8.1990
Koran dankon ankaŭ al nia Elda Dörfler, kiu en oktobro 1990 sendis al mi la stampon sur E-bildkarto pri la kongreso.

## Pri la sta el la 75a UK en Havano (Kubo)

Temas pri la sta C 8 (vd. LVL 3(82), paĝo 11). Dick Goslinga skribis en sia letero i.a.: "....Lunde, la 16an de julio 1990 okazis la "stampo-ceremonio" en la poŝta muzeo. Post pago de 5 $ oni transportis la interesulojn al la poŝta muzeo. Post kelkaj vortoj de la muzea estro kaj poŝtisto ambaŭ faris la "unuan stampon". Poste oni vendis antaŭe stampitajn dekorkartojn kun la kongresa stampo. Oni devis tuj ekspedi tiujn, ĉar laŭdire, en la sekva tago, tiuj ne plu validis por ekspedo! La kongresa stampo plej verŝajne ekzistas nur sur la dekorkartoj, kiuj havas eldonkvanton de 750 ekzempleroj, numerigitaj..".

Kiel mi jam pli frue skribis, verŝajne ĉiuj poŝte senditaj dekorkartoj estas poŝte ruinigitaj pro denova duobla nuligado per rulstampo. Almenaŭ tiuj, pri kiuj mi scias (Wester, Hirsch, kaj la mia). Koran dankon pro la senditaj salutkartoj mi direktas ankaŭ al: Elda Dörfler, Martha Andreasson kaj d-ro Werner Bormann!

# E-POŜTMARKOJ



## La nova bulgara pm.

En la bulgara "Filatela Revuo", 5/90 nia Hlebarov trovis informojn pri nia nova bulgara E-pm:

eldonkvanto: 600 000 pecoj
eldontago: 23 02 1990
kompleta folio posedas: 5x10 pm

Cetere mi trovis tipe bulgaran fenomenajon: Paron da pm stampitaj en SOFIJA: 28.XII.89-10, du monatojn antaŭ la apero.

# TUTAĴOJ



## Bulgaraj Tutaĵoj

Nia Hlebarov trovis en bulgara filatela gazeto, n-roj 3 kaj 5/1990, pri bulgaraj tutaĵoj la jenajn informojn:

LVL 81 paĝo 6: eldonkvanto:2960,aperis:24.11.89
LVL 81 paĝo 1: eldonkvanto:5623, aperis: 23.02.90

Ambaŭ tutaĵoj desegnis: Petrunov.

# PK-KOVERTOJ



## Maksimumkarto el Havano

Dum la UK en Havano la Libroservo de UEA ne nur vendis la E-pm kaj la UTK-on, sed ankaŭ maksimumkarton (ĉion kontraŭ $!). La mk montras portreton de d-ro Zamenhof kaj motivon el la kongresa pm. Sur la pm troviĝas la unuataga stampo kun la dato: 7.3.90.

Adresflanke i.a. la noto: Eldonis Ministerio pri Komunikiĝo. Jen, do, jam la kvara mk (al mi konataj) el UK-oj. Aliaj tri estis:

Brazilo: Zamenhof kun pm kaj sta el la 66a UK, 1981
Belgio: Turo de Babel kun pm kaj sta el 67 UK, 1982
Hungario: Kalocsay/Baghy kun pm kaj sta el la 68a UK, 1983

Dankon al nia Goslinga pro la pri-Havano mk!

Rimarko de Hirsch: Ekzistas krome mk de:

Sovet-Unio: 6a SAT-Kongreso en Leningrad, pligrandigita bildo de la pm, 1926
Svislando: La balono de la pm super urbo apud lago, 64a UK, 1979.
Jugoslavio: simila bildo kiel la pm de la 38a UK en Zagreb, 1953.
Hungarujo: kongresinsigno el la pm, eldonita okaze de la 14a IFEF-Kongreso, 1962

## Poŝtkarto Zhang Honfan

Sennominalan memor-poŝtkarton aperigis la Jiangmen-a PTO sub la registra n-ro JYP 3-1990, okaze de la 80-a datreveno de la naskiĝo de Zhang Hongfan (1910-1989).




Li estis fama ĉina E-isto kaj dum sia tuta vivo multe kontribuis al la ĉina E-movado. Interalie li estis ĉefredaktoro de la "Granda Esperanta-Ĉina Vortaro". Mi estas feliĉa posedi tiun elstaran vortaron kun aŭtografo de Zhang Hongfan. La Esperantan-ĉinan tekston de la pk verkis nia Ĉin Kajĝi. Desegnis la pk: Xie Xing.

## Memorkoverto "Sportkunveno"

Por soleni tiun "Sportkunvenon" la Poŝtmarka Kompanio de Shenyang, kunlabore kun la Liaoninga E-asocio, emisiis tiun sennominalan memorkoverton kun la registra n-ro: JF 38-1990. Temas pri la unua poŝtoficiale eldonita E-a koverto en tiu urbo, eĉ provinco.




ideogramoj de Li Xiaosheng

La belegan koverton desegnis Zhang Linrui kaj Li Liang verŝajne "aldonis" iujn elementojn. La koverto posedas ankaŭ ideogramojn de la altranga sportfunkciulo Li Xiaosheng. Ili signifas: "Lernu Esperanton por la "Azia Sportkunveno".
La E-klubo de Shenyang decidis, donace sendi al ĉiu membro de ELF-AREK tiun koverton. Necesas skribi peton kun aldono de unu IRK por afranko al:

Li Liang, P.O.Kesto 111-8, Shenyang, TJ 110044, P.R. Ĉinio.

Nia kluba amiko Liang estas direktoro de la E-Klubo kaj intencas partopreni la UK en Bergen 1991! Dankon al li pro informoj!

## Poŝtkarto "La 11-a Azia Sportkunveno"




1990.09.22, Jiangmen-a PTO aperigis duan sennominalan memor-pk sub la registra-no: JYP 4-1990 kun tekstoj en la ĉina lingvo kaj en Esperanto, okaze de supre nomita evento. Ankaŭ ĝin desegnis Xie Xing. Dankon pro informoj al Ĉin Kajĝi!

Ĉiam antaŭen!!

# GLUMARKOJ

## 75a UK en Kubo

Ĝis nun mi trovis kvar diversajn gm:

A: la konata longformata kun la insulo Kubo (vd.LVL 3(83)
B: gm kun kolombo kaj terglobo
C: gm kun verda stelo kaj blanka insulo Kubo
Ĉ: granda kvadrata gm kun palmo kaj verda stelo

Dankon pro la senditaj informoj al Elda Dörfler kaj Dick Goslinga.




"B"




"C"




"C"

## 20-jaroj Hispana E-Muzeo




1968 - 1988



1968 - 1988



1968 - 1988



1968 - 1988



1968 - 1988




1968 - 1988

Okaze de tiu jubileo aperis bloko kun 6 gm en jenaj (ĝis nun konataj) koloroj: nigra, bruna, verda, blua, oranĝa. Iniciatoro kaj eldonkvanto ne konataj.

## Novaj glumarkoj

Lastminute atingis nin jenaj gm. Mankas detaloj! Kiu povas liveri ilin?












## Spesmilaj glumarkoj




Jam antaŭ pluraj jaroj atingis min, donace de nia Vulfoviĉ, paro da spesmilaj glumarkoj kun la nominalo de 5 spesmiloj (flava) kaj 100 spesoj (0 Sm 100) (verda). Sendube ekzistas pluraj variaĵoj. Mi konsultis EdE kaj trovis i.a. jenajn klarigojn:

"...Spesmilo (Sm) = Unuo en la internacia helpa monsistemo decimala, proponita en 1907 de R. de Saussure kaj uzita antaŭmilite (1914) de E-istoj, ĉefe de la Ĉekbanko Esperantista.
1 Spesmilo = 10 Spescentoj = 100 Spesdekoj = 1000 Spesoj. 1 Sm estis egala al duondolaro, unu rublo, 2,50 svisaj frankoj.
La Ĉekbanko estis fondita 1907 de H.F.Höveler en London. Enkaj elpagoj baziĝis sur la E-monunuo: spesmilo. Post la morto de la fondinto la banko likvidiĝis...".

La gm posedas i.a. la tekston: "UNU MONDON = UNU MONO = UNU LINGVO: La nominalo ests meze nigre surpresita. Mia opinio estas, ke tiuj gm devus trovi lokon en la Jensen-Katalogo apud n-ro 9 (Internacia Helpa Mono)

# FANTAZIAĴOJ



## "Esperantujo"

EŬROPA PENSADO...
ESPERANTO
PAROLADO.!!.

PENSER EUROPÉEN : PARLER ESPERANTO.!
PENSARE EUROPEO : PARLARE ESPERANTO.!
ESPERANTO SPRECHEN : EUROPÄISCH DENKEN.!
THINKING EUROPEAN : SPEAKING ESPERANTO.!
PENSAMIENTO EUROPEO : HABLANDO ESPERANDO.!

DIALEKTO: por regiona kulturo/NACIA LINGVO: por interparoli nacie
INTERNACIA LINGVO ESPERANTO: klare interkompreni tutmonde

Afranku sufiĉe kaj filatele

Affrancate sufficiente e filatelico







Apud la 1-stela marko de la"E-poŝto Esperantujo"en Kavalkaselle (I)ekzistas ankaŭ 1/2-stela marko de la "Esperanto-Poŝto Esperantujo". Tiu montras verdan E-flagon kun la teksto ESPERANTO L.I. 1887-1977. Mi trovis ĝin stampita kun la 1-stela sur E-a bild-karto pri tiu Esperantujo.

Tiuj markoj aperis jam en 1977.
Novaĵo estas "Tutaĵ-Poŝtkarto" kun surpresita 1-stela marko el la jaro 1977. Dorsflanke mapo de Eŭropo. Tiu aperis verŝajne en 1989 en Kavalkaselle en Italujo.




## Tut-PK el Hispanujo

Jam en la jaro 1984 aperis fantazia "tutaĵo-poŝtkarto kun surpresita "pm" 10 steloj en Terrassa, Hispanio. Tiu "pk" ricevis eĉ "fantazian stampon" UNUA LOKA EKSPOZICIO-Terrassa. Al niaj estimataj ekspozantoj mi urĝe rekomendas, ne meti tiujn objektojn en konkurklasan filatelan ekspozaĵon. Ili ne estas filatelaĵoj kaj sekve, laŭ la validaj internaciaj filatelaj reguloj, ne rajtas havi lokon en ekspozaĵo.



# Trovita

## Anonco el la kongreslibro de la 15a UK

KONGRESA LIBRO



ELDONITA DE LA LOKA KONGRESA KOMITATO

XVa UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO NÜRNBERG 1923

**Ian internacian poŝtmarkekspozicion**

en la ĉsl. respubliko

arangos la ĉsl. filatelista unuiĝo en Brünn sub la protekto de l'prezidanto de la respubliko D-ro T. G. MASARYK, sub la honora prezido de multaj ministroj, de eksterlandaj ambasadoroj kaj de aliaj publikaj altranguloj dum la tagoj de la 5a ĝis 15a de aŭgusto 1923

**en BRÜNN** (ĉsl. respubliko)

Premiitoj ricevos orajn, arĝentajn kaj bronzajn medalojn kaj honordiplomojn. Granda poŝtmarktombolo. Al vendistoj estos forluataj vendejoj en la ekspoziciaj ejoj. Por la vizitontoj de la ekspozicio estos aranĝataj inspektoj kaj ekskurso en la moravan Svisujon (Macocha) laŭdezire loĝejoj rezervataj, pasportvizo estas plimalaltigita je 50% Rilate al sendotaj ekspoziobjektoj neniuj impostmalfacilajoj. Al ekspoziciontoj, volantaj partopreni ankaŭ la Wien-an poŝtmarkekspozicion en septembro, iliaj objektoj senpere estos transdonataj al Wien.

Samtempe en Brünn de la 5a ĝis 15a de aŭgusto okazos la

**Brünn'a vendekspozicio**
**elektroteknika ekspozicio**
kaj
**ekspozicio de aeroplanoj.**

Postulu prospektojn:
Sekretariejo de la Ia int. poŝtm. eksp. en Brünn
Na Ponávce 8.



Mia karikaturo—Ludovic Rodo

Informilo de ELF-AREK
Esperanto Ligo Filatelista
Amika Rondo de Esperantaĵ-Kolektantoj

| | |
|---|---|
| Redakcio ĉe: | Rudolf Burmeister, W.-Firl-Str. 30, O-9047 Chemnitz, |
| Prezidanto-Kasisto: | Ivar Paulsson, Skytteholmsvägen 29, S-171 44 Solna |
| Poŝtĝiro-Konto: | 51 57 85-4, I. Paulsson, Solna (S) |
| Kotizoj: por 1990: | 60 SEK (10 US$ aŭ 20 IRK) |
| Stampobanko: | Werner Heimlich, Fröbelstr. 4, W-3040 Soltau |
| Kompostis + Ekspedis: | Richard Hirsch, Lambertstr.12, W-6430 Bad Hersfeld |